JARO XIV, Sofia—Bulgario
julio—septembro 1970, № 3

# INTERNACIA



# ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

## ŜALUTPAROLADO DE D-RO H. C. FRANZ JONAS

**Ŝtatprezidanto de Aŭstrujo kaj Alta Protektanto de la Kongreso dum la solena inaŭguro de la 55-a Universala Kongreso de Esperanto**

*Tre ŝatata prezidantaro, tre ŝatataj sinjorinoj kaj sinjoroj. La kvindekkvina Universala Kongreso de Esperanto unuigas en Vieno dumil adeptojn de la Internacia Lingvo (Esperanto). Tio estas bonvena okazo por la Federacia Prezidanto de la Respubliko Aŭstrio, saluti la kongresanojn nome de la aŭstria popolo, kaj ankaŭ saluti ilin kiel samideano.*

*Vi estas gastoj en lando, kiu ĉiam estis favora al Esperanto kaj instigis la movadon en kelkaj direktoj. En la jaro 1904 jam okazis en Graz la unua aŭstria Esperanto-kongreso; do unu jaro antaŭ la unua Universala Kongreso de Esperanto en Bolonjo-sur-maro, en kiu Zamenhof parolis sian faman inaŭguran paroladon. Intertempe okazis en nia lando jam du kongresoj de la Universala Esperanto-Asocio, tio estas en la jaroj 1924 kaj 1936, kaj tri kongresoj de la Sennacieca Asocio Tutmonda, tio estas en 1925, 1955 kaj 1962.*

*Ekde la komenco, la movado en Aŭstrio sukcese evoluiĝis, sed bedaŭrinde interrompita dum la du mondmilitoj kaj malpermesata dum la aŭtokrataj reĝimoj. Tiel la Esperanto-movado travivis la saman sorton kiel multaj aliaj kulturmovadoj. Hodiaŭ denove ekzistas vigla Esperanto-movado kun diversaj branĉoj. Apud la Aŭstria Esperantista Federacio agas specialaj unuiĝoj de socialistoj kaj katolikoj, de fervojistoj kaj naturamikoj. Depost 1925 ekzistas en Aŭstrio ŝtata Ekzamen-Komisiono kaj en la jaro 1929 estiĝis en Vieno la fama Internacia Esperanto-Muzeo. Post la lasta milito fondiĝis la Aŭstria Esperanto-Instituto kaj krome Asocio por internacia interkompreniĝo. Ekzistas ankaŭ pluraj gazetoj regule aperantaj.*

*Povas do esti, ke eksterlandaj samideanoj gratulas la aŭstriajn esperantistojn pro la bona stato de la movado. Sed, mi diros al vi, ke la aŭstriaj esperantistoj mem ne estas kontentaj. Ili sentas la samajn malfacilaĵojn kiel la samideanoj en aliaj landoj. Kvankam la internacia vivo fariĝas ĉiam pli intensa, la oficiala mondo daŭrigas la malnovajn kaj maltaŭgajn metodojn de lingva interkompreniĝo. Estas vero, ke la moderna tekniko helpas faciligi la taskon de la profesiaj tradukistoj dum kongresoj, sed ne pli. Iliaj teknikaj aparatoj estas maltaŭgaj iludiloj kompare kun la mondvasta farenda tasko, nome superi la lingvajn barojn inter la popoloj, inter milionoj da homoj. Tial la esperantistoj nuntempaj devas pensi kiel realistoj, ili devas pli varbi kaj per novaj rimedoj. Ili turnu sin ĉefe al la junularo, al ĉiuj interesuloj*

*ankaŭ al ĉiuj, kiuj estas respondecaj por la bonstato de la popoloj kaj ŝtatoj. Sed ĉar mi en tiu rilato mem faris multe da spertoj, mi avertas vin: ne atendu tro multe kaj ne postulu tro multe de la oficialaj funkciuloj, sed fidu pli la propran forton! Se la Esperanto-movado estas forta, la oficialaj institucioj de si mem agnoskos ĝian gravecon kaj signifon.*

*La problemo de internacia helplingvo jam delonge ne plu estas nura teorio. Esperanto solvis tiun ĉi problemon, ĝi realigis la teorion kaj transigis ĝin al praktiko. Dum jardekoj en multaj landoj ne nur estas tradukitaj juvelaj verkoj el naciaj literaturoj, sed aperas ankaŭ multege da verkoj skribitaj originale en Esperanto. En multaj landoj aperas Esperanto-gazetoj, kiuj ne nur perfektigas la adeptojn en lingva rilato, sed ankaŭ disvastigas valoran scion trans la etnikajn limojn, de kontinento al kontinento, tra la tuta mondo.*

*Esperanto ĝis nun sukcese trapasis ĉiujn ekzamenojn, al kiuj ĝi estis submetata flanke de scienco kaj tekniko, de politiko kaj komerco, de pedagogio kaj literaturo. Kian pruvon do pri la taŭgeco de Esperanto la dubantoj krome bezonas? Nur la propran sperton, propran sperton anstataŭ malsaĝa antaŭjuĝo!*

*Karaj gesinjoroj, la esperantistoj dum la pasintaj jardekoj konsekvence varbis por la ideo de interkompreniĝo per internacia helplingvo. Ili estis la profetoj de la movado. La nuna generacio de esperantistoj jam estas la pioniroj de Esperanto en praktika vivo. Sed ili neniam forgesu, ke Esperanto ne nur estas rimedo por la ĉiutaga praktika vivo, sed ke ĝi estas eterne ligata al grandaj kaj altaj idealoj: al solidareco de la popoloj, al progreso de la homaro, al paco de la mondo!*

*Tiamaniere portante pluen la spiriton de humanismo, kiu ardigis ĝis nun tiom da esperantistoj, ni inaŭguru la kvindek kvinan Universalan Kongreson de Esperanto. — Mi deziras al ĝi plenan sukceson kaj al la kongresanoj neforgeseblajn travivaĵojn en Aŭstrio.*

## RENKONTIĜO DE TEĴANOJ EN VIENO

**Dudeko da ĵurnalistoj partoprenis la 55-an UK de Esperanto en Vieno ĉi-jare. Kun la plejparto la estraranoj de TEĴA interparolis aparte pri la plej gravaj problemoj de nia faka organizaĵo.**

**El la estraranoj ĉeestis la Kongreson la Prezidanto Olav Thormodsen, la ĝenerala sekretario Ivan Keremidĉiev-Esperov — ĉefredaktoro de „*Internacia Ĵurnalisto*", la membroj de la estraro Karen Salmose el Svedlando, Jerzi Uspienski el Pollando. Pro malsaniĝo ne venis Dino Fabris kaj la vicprezidanto Niilo Kavenius el Finilando. Pri la ceteraj estraranoj informojn ni ne povas doni.**

**Dum la kongresaj laboroj la estraranoj partoprenis en diversaj programeroj: fakkunvenoj, ĝeneralaj kunvenoj, kunsidoj de la Komitato de Universala Esperanto Asocio, en MEM-kunvenoj ktp. S-ano Ivan Esperov en la ĝenerala kunveno de UEA salutis la kongreson en la nomo de TEĴA.**

**Pro la samtempa kunsido kaj laboro de diversaj sekcioj, fakkunvenoj k. a. la jarkunveno de TEĴA *ne estis bone vizitita. Krom tio, la saloneto* kie okazis la jarkunveno, estis tre malfacile trovebla.**

**En la renkontiĝo tamen, krom la menciita estraranoj parolis ankaŭ neestraranoj, kiel s-ano Unger el Svislando (ĉefredaktoro de la konata belaspekta turista revuo esperantista), Star el Usono, Mildwurf el Anglio, M. Conkovski el Bulgario — helpredaktoro de „I. Ĵ". k. a.**

**Pro la malmulta ĉeesto de TEĴA-anoj, elekto de nova estraro de TEĴA ne povis okazi. La estraro restos la sama ĝis kiam okaziĝos ebleco por organizo de ĝenerala jarkunveno alian jaron. Tamen oni akceptis la intrekonsenton de la pasintjara renkontiĝo de s-anoj Thormodsen, Kavenius kaj Fabris en Helsinki, ke s-ano Dino Fabris agu kiel funkcianta sekretari-kasisto de TEĴA.**

**Dum la kongresaj laboroj okazis fakkunveno pri la informado kaj la gazetara propagando, gvidata de la ĝenerala sekretario de UEA. Malgraŭ ke s-ano S. Becker multfoje montris la gravecon de TEĴA kaj la indan rolon de la ĵurnalistoj en la gvidata de li UEA-fako, li donis al la ĝenerala sekretario de TEĴA la parolon en la lasta momento, kiam la plimulto el la ĉeestantoj jam foriris. Domaĝa kaj diskriminada afero! Sed pri tio „I. Ĵ". publikigos specialan artikolon.**

# LA ESTONTO DE LA GAZETO KAJ LA GAZETO DE LA ESTONTECO

La tasko de la aŭtoro estis kontribui (kiom nun ĝi estas ebla) la aspekton de la ĵurnalo estonteca. Ŝajnas al mi tamen, ke unue oni devas nepre klarigi alian problemon: La estonteco de la ĵurnalo mem.

En iuj okcidentaj landoj, kie evoluis pli frue, la estonteco de la ĵurnalo delonge estas objekto de prognozo, kolorigita per pesimisma farbo. „La gazetara morto timige minacas (Okcidentan) Germanion" — pesimisme antaŭdiras la konata posedanto de gigantega gazetimperio Aksel Springer. Kaj efektive en GFR, Anglio, Usono kaj aliaj landoj la nombro de la ĵurnaloj esence reduktiĝas. Teoriulo el iuj landoj konsideras la televidon la plej granda malamiko de la ĵurnalo. Ĝi altiras la reklamdonantojn, kaj kio estas la granda okcidenta ĵurnalo sen reklamoj?

Aliaj aŭtoroj, precipe el Usono, rigardas al la influo de la televido ne tiom el ekonomireklama, kiom el soci-psikologia vidpunkto. Ili aŭguras pereon ne nur al la ĵurnalo, sed ankaŭ al la presita parolo ĝenerale. En la venonta jarcento, kiam pervida informado komplete kaj en perfektaj formoj ekdominos en la ĉiutageco de la socio, kaj presita parolo laŭ ili fariĝos superflua. La meza civitano ekmalkutimiĝos skribi kaj legi (se li entute konas tion). Li lernos ne per skribado kaj legado, sed per rigardado. „Hodiaŭ ĉio estas destinita al la okuloj — la gazetoj „Lajf", „Luk", la komiksoj. . . Kaj nenio — al la cerbo — diras la usona radiokomentisto Fred Alan. — La estonta generacio havos okulojn grandajn kiom akvomelono kaj nenian cerbon".

Kvankam mi menciis en la komenco, ke la televido ĉe ni estas ankoraŭ en la komenca stadio laŭ sia teknika skalo, ĝi tamen evoluas sen interrompo kaj influas sur la disvolviĝo de la gazetaro. La studo de la sciencesplora centro ĉe la Bulgaraj radio kaj televido montris, ke tiu influo ĉe ni estas pozitiva! Kie aperas la televido, tie kreskas ankaŭ la nombro de la radioaparatoj kaj la kvanto de la disvastigataj ĵurnaloj. Analogajn fenomenojn, atestantaj pri la kunvivado, kunlaboro kaj interrilato, por trovi propran terenon en la unueca leganta-aŭskultanta-spektanta publiko, oni observas ankaŭ en USSR, GDR kaj aliaj socialismaj landoj.

Dubante al la prognozo de Fred Alan, la konata soveta ĵurnalisto, gvidanto de presagentejo APN Boris Burkov emas supozi, ke la „cerboj de niaj posteuloj estos pli perfektaj ol la niaj. Niaj nepoj, ankaŭ tiuj de Fred Alan, mi esperas, devos esti pli prudentaj ol ni, malgraŭ la influo de la komiksoj kaj la cetera malaltnivela gazetaro, kiu bedaŭrinde ankoraŭ ekzistas".

La ĵurnalo havas tri neanstataŭigeblajn kaj specifajn kvalitojn, kiuj entute aŭ grandskale mankas al la ceteraj rimedoj por amaskvanta informado: **elektebleco** de la teksto kiun ni legos kaj de la momento kiam ni legos ĝin; **ripetebleco** de la legado, t. e. ebleco por speciala direkto de nia atento al la ekinteresigintaj nin partoj de la teksto kaj eĉ ebleco por reveno al la komenco kaj fine: **la ebleco por vasta argumentado** en dimensioj nekutimaj por la radio kaj televido. Dank' al tiuj siaj kvalitoj la ĵurnalo ĉiam estos nia kunulo.

Tio ne signifas, ke ne estas eblaj kaj necesaj esencaj ŝanĝoj en la ĵurnalo de la estonteco. Kiu pensas tiel, li rigardas ne al la venonta, sed al la pasinta jarcento.

Do, post nia konkludo, ke la ĵurnalo havas estontecon, stariĝas demandoj, kia ĝi estos, kia ĝi aspektos post jardekoj kaj jarcentoj?

Konture aperas du etapoj en ĝia evoluo. La unua etapo rilatas la venontajn kelkdekjarojn, eble ĝis la fino de nia jarcento. Dum tiu etapo la aspekton de la ĵurnalo oni povus difini sufiĉe konkrete, ĉar ĝi dependos de la nun instalata presetekniko.

La ĵurnalo dum la venontaj kelkdekjaroj havos pli perfektan kvaliton de tekst-kaj ilustraĵpresado. Rotoofseta tekniko, kiun pli frue oni konsideris „tabuon" ĵurnalo pro la alta memkosto kaj la longa proceso de produktado, nun sukcese estas uzata por ĵurnalaj bezonoj. „Nojes Dojĉland" (GDR) estas la unua ĵurnalo en la mondo kun eldonkvanto proksimiĝanta al 1000000 da ekzempleroj, kiu estas presata per rotoofseto. Konstruataj estas grandaj rotoofsetaj presejoj en Moskvo kaj Minsk, en vico de okcidentaj landoj, en Japanio kaj Afriko.

La presetekniko ŝanĝiĝas konforme al la

bezono de la ĵurnaloj por ke ili disvastiĝu pli rapide. Tutcerte por iuj landoj, kiel Usono, Svisujo, Okcidenta Germanio, Italio k. t. p. tio ne estas problemo, ĉar ĉiujn aŭ preskaŭ ĉiujn ĵurnalojn, eĉ la plej grandajn oni ne disvastigas tra la tuta lando. Oni vendas ilin en definita, kompare ne granda teritorio ĉirkaŭ la urbo de ilia eldonado (kio estas markita de iliaj nomoj) — „Suddojĉe Zajtung", „Noje Zuriĥer Zajtung" ktp., pro kio per aŭtomobilo la ĵurnaloj tre rapide atingas la leganton. Estas malfacile disvastigi rapide centran ĵurnalon tra la tuta lando. Ni spertis tion de nia propra praktiko: la ĉefurbaj ĵurnaloj estas survoje duontagon, tagon, tagon kaj duono (kaj por iuj vilaĝoj eĉ pli) ĝis kiam ili atingos la legantojn. Tia ĵurnalo jam portas konatajn novaĵojn, sciigojn, komentariitaj jam de la radio kaj televido.

Imagu al vi tamen, ke la centrajn ĵurnalojn oni kompostas en la ĉefurbo kaj iliajn paĝojn oni transigas per radioimpulsoj al 4—5 nodaj punktoj situantaj en la mezo de la landpartoj, en kiuj troviĝas filio de presejoj. Samtempe ektondras 5—6 rotaciaj presmaŝinoj. En daŭro de du horoj la tuta eldonkvanto estas finpresita.

Tio estas unu el nun esplorataj modeloj de la estonta presadtekniko por la centraj ĵurnaloj ĉe ni. Tute reala projekto. Analogia sistemo jam ekzistas en diversaj skaloj en USSR, GDR, Okcedenta Germanio, Japanio kaj aliaj landoj.

La ĵurnalo pligrandiĝos sian volumenon en la venontaj jardekoj. En la socialismaj landoj ĝi forlasos la kadron de kvar paĝoj, kio limigas ĝiajn informajn kaj komentariajn eblecojn; ni vidas kiel la sespaĝaj numeroj de „Rabotniĉesko delo" estas nemezureble pli riĉaj kompare de la antaŭaj kvarpaĝaj. Tiu kresko tamen estas en racia kadro, ĝi estos ligita al la eblecoj de la legantaro asimili la interesiĝintan lin legaĵon, antaŭ ol alveni la sekvonta numero. La okcidenta ĵurnalo eble daŭriĝos la tendencon de ega ŝveliĝo, kio jam nun kondukis al eldonoj kun 40—60—80 paĝoj. Ĉiutage en Okcidenta Eŭropo kaj Usono tri kvaronoj de la paĝoj estas okupitaj de reklamoj.

Ŝanĝiĝos ankaŭ la ekstera aspekto de la ĵurnalo. En la socialismaj landoj ĝi fariĝos pli perfekta, kunmetante la naciajn tradiciojn de la ĵurnala arkitekturo kun la postuloj de la ĥigieno de la legado. En la ĵurnalo estos pli multe da ilustraĵoj ol hodiaŭ, kaj plie — ankaŭ estetike komponitaj koloroj. La multnombraj paĝoj donos eblecon komposti per pli grandaj literoj, kio faciligos la vidkapablon de la legantoj.

La disvolviĝo de moderna ĵurnalaro kondukas al modernigo de la redakcia tekniko. La redakcio de la estonta ĵurnalo havos je sia dispono dokumentaron, livereblan per elektrona principo; vaste oni uzos magnetofonon, diktofonon, radiotelefonon. Sur la tegmento de la redakcioj estos aerodromoj de helikopteroj k. t. p.

Se en 15—20 jaroj, eĉ en la fino de la jarcento oni povas imagi al si la ĵurnalon de la estonteco, do kia estos ĝia modelo en la venonta jarcento, post 50—70—100 jaroj? Pri tiu epoko, kiun evidente la nuntempaj generacioj ne ĝisvivos, la prognozoj povas esti precipe el la kampo de la scienca fantaziaĵo.

La formiĝo de la ĵurnalo maksimume simpliĝos, ĉar la radio kaj televido ĉiam pli frue diskonigos la novaĵojn, do la ĵurnalo plifortiĝos sian komentarimaterialon. La novaĵoj ne plu estos la ĉefaĵo en ĝi. Jen kial ĝiaj paĝoj akiros pli trankvilan aspekton, grandliteraj titoloj malaperos. La formato reduktiĝos al la formato de la libro, la ilustraĵoj estos tridimensiaj kaj moveblaj. La ĉefurbanoj havis jam eblecon (en Sofio) vidi ellaboritajn de japana firmao vidaĵojn de Sofia faritaj kun du supraĵoj, kio certigas kelkan profundecon de la bildoj. La franca gazeto „Elle" aperigis antaŭ kelkaj jaroj foton kun du bildoj sur sia kovrilo, kiuj estas videblaj sinsekve, konforme al la deklivo de la gazeto dum legado.

Italaj presistoj faris projekton de ĵurnalo, en kiu la ilustraĵo estas sonigita.

* * *

Estas agrable, ke oni jam havas tiom da projektoj ankoraŭ teknike kaj teknologie nesolvitaj. Dume la prognozoj baziĝas sur pure teknika evoluo de la ĵurnalo, sendepende de la nekonata al ni socia aspekto de la estonteco, kaj ĝi tamen estas la ĉefa, decidanta faktoro por la formado de la ĵurnalo.

**Trad C. Murgin**

---

**Rim.**: La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" afable invitas ankaŭ aliajn kolegojn el aliaj partoj de la mondo eldiri siajn opiniojn sur la paĝoj de nia organo pri la treege interesa temo, pritraktita en la supra artikolo.

## ĤIOM DA LINGVOJ ESTAS PAROLATAJ EN LA MONDO?

*En la lasta Universala Kongreso de Lingvistoj oni konstatis, ke hodiaŭ la homaro en la mondo parolas 2976 lingvojn.*

*La amerikaj hindianoj, kiuj nombras ĉirkaŭ 17,5 milionoj, parolas en 1200 lingvoj. La ducentmiliona loĝantaro de Afriko parolas en 500—800 lingvoj. Por la likvido de la analfabeteco en Ebura bordo, la instruado estas farata en 30 lingvoj. Ili tamen montriĝis nesufiĉaj. En Kongo (Kinŝasa) loĝas ĉirkaŭ 400 gentoj, kiuj parolas en pli ol 200 lingvoj kaj dialektoj. Unu kaj duonmiliona loĝantaro de Togo parolas pli ol 40 dialektojn, iom similaj unu al la alia. Kvankam laŭŝajne aspektas tre absurde, sed estas vero, ke du togoanoj de diversaj gentoj povas interkompreniĝi pli bone en franca, ol en nacia lingvo. En la teritorio de Zambio, ĝia 3,5-miliona loĝantaro parolas pli ol 40 diversajn lingvojn. Kiel en plejparto de la landoj de Afriko, same tiel en Gana ne ekzistas tutnacia lingvo, ĉar en la lando estas parolataj pli ol 40 gentaj lingvoj. Du ganaanoj de sama regiono povas interkompreniĝi nur helpuzante kelkajn anglajn vortojn. Ĝis 1962 tie la literaturo estas eldonata en 9 lingvoj.*

*La centmiliona loĝantaro de Indonezio, situita sur 13,000 insuloj, parolas en pli ol 200 lingvoj. En arĥipelago de pli ol 7100 insuloj loĝas pli ol 34 milionoj da filipinanoj, parolantaj pli ol 90 lingvojn, parencaj de malajopolinezia lingva familio.*

*Paragvajo estas ununura dulingva latinamerika nacio: 54 procentoj de ĝia loĝantaro parolas hispanan kaj la lingvon de guaranoj, 40 procentoj — nur la lingvon de la guaranoj, kaj 5 procentoj — la hispanan lingvon. En Bolivio oficiala lingvo estas hispana, sed plej ofte estas aŭdataj la lingvoj de ajmara kaj keĉua, kiuj estas parencaj inter si. En tiuj ĉi lingvoj pere de unu vorto oni povas esprimi tutajn frazojn. En Meksikio ankaŭ hispana lingvo estas oficiala, sed ĝi ne estas parolata de la indiĝena loĝantaro — la hindianoj. Ili parolas pli ol 40 lingvojn, tiom malsimilajn, ke indianoj de diversaj regionoj ne povas interkompreniĝi. Oficiala lingvo en Peru estas la hispana. La popolo de Peru, heredanto de la antikvaj inkaoj, kiuj estas parolintaj en 125 lingvoj kaj sennombraj dialektoj, ankoraŭ ĝis hodiaŭ ne lernas hispanan lingvon kaj por ĝi estas komprenеblaj nek la dekretoj, nek la politiko. Pli ol la duono de la loĝantaro en la lando ne partoprenas la balotojn, ĉar ĝi ne konas hispanan lingvon — kondiĉo por la peruano esti balotanto.*

*Tradukis: M. Conkovski*

## RICEVITAJ ELDONAĴOJ

— Esperanto-bulgara vortaro kompletigita eldono de Asen Grigorov, 162-paĝa, Sofia 1970.

— Panoramo de DDR (GDR—Germana Dem. Respubliko). Berlin—ĉefurbo de DDR - libreto pri Berlino de H. Polzecker kun aldonaj fotobildoj.

— Panoramo de DDR — la moderna brutomastrumado postulas pli da peletoj — broŝureto de Joh. Donayer kun 1 bildo.

— Berlino — grandformata faldfolio kun mapo kaj diversaj notoj kaj klarigoj. Ilustrita.

— Hanovro—simila al la supra, ilustrita faldfolio.

— Vojaĝu kun ĝojo per Norvega Ŝtata Fervojo — NSB, kun mapo.

— Pardubice — Orienta Bohemio — Ĉehoslovaka broŝureto 12-paĝa.

— Castel San Pietro Ferme — grandformata broŝuro pri la turista, ripoza, pitoreska itala urbeto kun mapo kaj klarigoj.

— Rimini-Riviera — ilustrita faldfolio kun aldona Esperanto-teksto.

— Bonvenon en Aŭstrujo — ilustrita faldfolio pri la kongreslando 1970.

— Graz — prospekto pri la TEJO-kongresurbo 1970, Dua Bulteno.

— Feria lando Stirio (en Aŭstrio) kun Esperanto-aldona traduko.

— Jarlibro de UEA — dua parto.

— Dua oficiala Bulteno de la 55-a Universala Kongreso de Esperanto en Vieno 1970.

— Kongresa Libro de UEA kaj

— Suplemento al la Kongresa Libro pri 55 Univ. Kongreso de Esperanto.

— Steiermark—grandformata faldfolio ilustrita kun esperanta tradukaldono.

— Niederösterreich — Malsupra Aŭstrio—ilustrita, kun esperanta aldono.

— Lernolibro de Esperanto de Ivan Zahariev-84-paĝa, ilustrita — liveras Bulgara Esperantista Kooperativo, Sofia, 1969.

# *Oni imitu la sperton de Radio Varsovio en Esperanto*

**SCIIGOJ — KOMENTARIOJ — INFORMOJ PRI POLLANDO LITERATURO — ESPERANTAĴOJ MUZIKO**

**Karaj Geaŭskultantoj!**

La Esperanto-disaŭdigoj de la Pola Radio estas niaj komunaj atingaĵoj esperantistaj. De ni ĉiuj dependas do la kvalito, kvanto kaj sukceso de la Esperanto-dissendoj.

Sendadu al ni sciigojn pri Esperanto-novaĵoj, sonbendojn kun eldiroj. Skribu rimarkojn pri la programo kaj dissendoj, proponojn pri ŝanĝoj, plibonigoj, raportojn pri la aŭdebleco ktp.

Sciu, ke ĉiu via letero estas atente legata de ni kaj konsiderata. Same ĉiu poŝtkarto.

Profitu nian senpagan „Koncerton kun bondeziroj".

Partoprenu niajn konstantajn konkursojn— multaj valoraj premioj, inter kiuj ankaŭ Esperanto-eldonaĵoj, atendas vin.

Nia devizo estas: ni komune redaktas la programon de la Esperanto-disaŭdigoj.

Ni estas konstante je via dispono.

**Ne nur angla, franca, germana... sed ankaŭ Esperanto en la ekstrelanda servo de la Pola Radio**

Laŭ la franca ĵurnalo „Le Monde" (28.1 1970), la Pola Radio okupas la 15-an lokon sur la listo de la plej grandaj radiofonioj de la mondo, disaŭdigantaj por eksterlando. Antaŭ Pollando estas tiaj gigantoj, kiel Radio Moskvo, Voĉo de Ameriko aŭ BBC, sed post la Pola Radio restas Francujo, Italujo, Kanado, Japanujo, Hindujo... Pola Radio disaŭdigas programojn en 12 diversaj lingvoj: en la pola (por la poloj loĝantaj eksterlande), en la angla, araba, ĉeĥa, dana, esperanto, franca, finna, germana, hispana, itala kaj sveda. Ĉiutage en la direkton de Eŭropo, Norda Ameriko kaj Afriko flugas pli ol 40 horoj da diverslingva parolo kaj muziko. En unu semajno la Pola Radio emisias pli ol 300 horojn de diversaj elsendaj.

Unu horon tage Pola Radio disaŭdigas en Esperanto. La Esperanto-elsendoj de la Pola Radio ekzistas jam la 12-an jaron, kaj la 20-an de aŭgusto 1970 estis disaŭdigita jam la 5000-a Esperanto-elsendo de la Pola Radio. La Esperanto-programon prizorgas profesiaj radio-ĵurnalistoj kaj partoprenas en ili konstante plej konataj parolistoj de la Pola Radio. Krom la bazaj du duon-horaj elsendoj, Esperanto aŭdiĝas en la Pola Radio ankaŭ en „anguletoj" kadre de la german-' sved- kaj danlingvaj programoj. La Esperanto-programo konsistas el la eroj pri Pollando (novaĵoj, komentarioj, literaturaj kaj kulturaj elsendoj . kpt.) kaj el la eroj dediĉitaj al la pola kaj internacia Esperanto-Movado (magazino „Esperanto-ekspreso", „Leterkesto", felietonoj, „Koncerto kun bondeziroj" k. s.).

La Esperanto-Redakcio de la Pola Radio ricevas pli multe da leteroj ol la respektivaj redakcioj de la programoj en la mondlingvoj: angla kaj franca. La raportistoj de la E-Redakcio priservas internaciajn E-aranĝojn, inkluzive de ĉiujaraj Universalaj Kongresoj de Esperanto. En la nuna jaro Pola Radio disaŭdigis senperajn raportojn el la Universala Kongreso en Vieno, i. a. la paroladon de la prezidento de Aŭstrujo, D-ro Franz Jonas, faritan en Esperanto.

**5-MIL FOJE „PAROLAS VARSOVIO . . ."**

La 4-an de aprilo en la 1959-a jaro unuafoje aŭdiĝis en la etero la anonco: „Parolas Varsovio — naskiĝurbo de Esperanto!". Depost tiam la signalo de la Esperanto-Disaŭdigoj de la Pola Radio sonis jam 5-mil fojojn. La 20-an de aŭgusto en la nuna jaro, je la 6.30 horo matene, Pola Radio disaŭdigis la 5000-an elsendon en la internacia lingvo.

En la 1969-a jaro la Esperanto-Redakcio de la Pola Radio festis la 10-jaran jubileon. Tiuokaze estis aranĝita la jubilea konkurso, en kiu partoprenis pli ol 2000 esperantistoj. Sekve, en aŭtuno de la 1969-a jaro, 4 esperantistaj laŭreatoj senpage vizitis Pollandon kaj estis gastoj de la Pola Radio.

Lige kun la 5-mila elsendo okazis neniu konkurso kun premioj. Tamen la jubileo fariĝis okazo por aranĝi malgrandan enketon inter la esperantistaj aŭskultantoj kaj inter ĉiuj interesitaj gesamideanoj. Depost la 20-a de aŭgusto — ĝis la fino de la nuna jaro, La Esperanto-Redakcio disaŭdigas en la programero „Leterkesto" la respondojn je la tri jenaj demandoj;

1. Kion donas al vi la Esperanto-elsendoj de la Pola Radio?
2. Kian signifon por vi persone kaj por la Esperanto-Movado havas la Esperanto-elsendoj de la Pola Radio?
3. Ĉu dank' al la E-elsendoj kreskis via scio pri la naskiĝlando de Esperanto—Pollando?

Oni respondu laŭplaĉe per kelkaj frazoj aŭ per longa letero, al unu aŭ al ĉiuj tri demandoj. Ĉiu kontribuaĵo, eĉ plej malgranda estos valora materialo por pripensi la estontan formon de la Esperanto-Disaŭdigoj de la Pola Radio.

La Esperanto-Disaŭdigoj de la Pola Radio estas la sola en la mondo ĉiutaga radioprogramo en la servo de la esperantistaro. Valoras subteni ĝin per aktiva aŭskultado — per leteroj, per kontribuado al ĝia programo. Skribu al la adreso: Pola Radio, Esperanto-Redakcio, Varsovio — 1, poŝtkesto 46, Pollando.

### NI ATENTIGAS PRI NIAJ KONSTANTAJ EROJ:

**„La semajno en Pollando"** — estas sonrevuo de la plej gravaj kaj plej interesaj okazintaĵoj dum la sep tagoj jus pasintaj en nia lando. En mallongaj scenetoj, interplektitaj per muzikaj kurtenetoj, en sia tuta riĉeco kaj bunteco prezentiĝas la vivo en nia lando.

**„Esperanto-ekspreso"** — la progresoj de la tutmonda esperantista movado kaj en la patrujo de Esperanto prezentiĝas en la formo de: novaĵoj, intervjuoj kun eminentaj kaj vicaj esperantistoj, recenzoj de Esperanto-publikaĵoj, rememoroj el la pasinteco de la esperantista movado.

**„Panoramo de internaciaj eventoj"** — ni parolas en ĝi pri la mondaj politikaj eventoj en la pasinta semajno, kiel vidas ilin la pola publika opinio.

**„Leterkesto"** — en ĝi estas citataj kaj komentataj leteroj de niaj aŭskultantoj, ankaŭ la sonbendaj. Kadre de la „Leterkesto" vi aŭdos de tempo al tempo pritrakton de lingvaj demandoj. Ĉiam la unuan ĵaŭdon ni anoncas en la „Leterkesto" la rezultojn de nia „Konkurso por la plej interesaj leteroj de la pasinta monato". Valoraj popolartaĵoj, fotoalbumoj, Esperanto-eldonaĵoj atendas la skribemajn aŭskultantojn.

**„Literatura rubriko"** — ĝi alportas malgrandajn portretojn de polaj klasikuloj kaj nuntempaj verkistoj kune kun fragmentoj de iliaj verkoj. Vi povas aŭdi ankaŭ fragmentojn de originalaj Esperanto-poeziaĵoj kaj prozaĵoj.

**„Pri kio oni parolas en Pollando"** — tiu ĉi felietono traktas plej gravajn eventojn, kaj ankaŭ tuŝas aferojn malpli rangajn, sed ne malpli interesajn, ĝuste tiajn, pri kiuj oni parolas kaj diskutas.

**Koncerto kun bondeziroj"**— muziko kun mesaĝvortoj de esperantistoj al esperantistoj. Aparta informilo havebla laŭdezire. La servon de la koncertoj vi povas profiti senpage.

**„Kune"** — junulara magazino. La vivo de la junularo kaj geknaboj en Pollando. Scenetoj pri la vivo de la pola esperantista junularo, kaj ankaŭ pri la junulara esperantista movado en aliaj landoj.

**„Radia filmmagazino"** — ni parolas en ĝi pri novaj polaj filmoj, intervjuas reĝisorojn, scenaristojn, aktorojn, sciigas pri diversaj filmtemaj novaĵoj.

**„Tra la Esperanto-gazetaro"** — ni pritraktas en ĝi ĉiujn plej interesajn artikolojn aperintajn en revuoj kaj bultenoj disponigataj al ni fare de la redakcioj.

**„Pola gazetaro pri Esperanto"** — mallonga spegulo de artikoloj kaj informoj pri la internacia lingvo kaj esperantista movado, aperintaj en polaj gazetoj kaj revuoj.

**„Aŭskultantoj petas — ni disaŭdigas"** — el la sugestoj de niaj aŭskultantoj ni elektas la plej interesajn aŭ la plej ofte ripetiĝantajn kaj sekve prezentas intervjuojn, sonraportaĵojn, babilojn, eldirojn pri pollandaj kaj esperantistaj temoj.

**„Por la progresantaj esperantistoj"** — ero faciliganta kutimiĝon al la radioaŭskultado kaj ebliganta profundigi la lingvokonon.

---

### LIBROJ, REVUOJ PRI POLLANDO SENPAGE HAVEBLAJ DE LA ESPERANTO-REDAKCIO DE LA POLA RADIO

*Du riĉe ilustritaj libroj pri Pollando: „Polaj okcidentaj kaj nordaj teritorioj" kaj malgrandaj enciklopedieto „Pollando" estas plue senpage haveblaj de la Esperanto-Redakcio, Pola Radio, Varsovio — 1, poŝtkesto 46, Pollando, Jam kelkaj miloj da ĉi tiuj libroj estis distribuitaj inter esperantistoj de la tuta mondo. Krome la Pola Radio senpagsendas al petantoj la belegan revuon „Pollando" en la lingvoj angla, franca, germana, hispana kaj sveda; tekstojn de kelkiuj Esperanto-elsendoj kaj librojn en diversaj lingvoj.*

*La Pola Esperanto-Asocio **klopodas eldoni novajn** librojn pri Pollando en la internacia lingvo kaj reeldoni la E-versojn de la revuo „Pollando". Por subteni ĉi tiun iniciaton esperantistoj skribu—naciilingve aŭ en Esperanto — al Pola Agentejo INTERPRESS, Warszawa, ul. Bagatela 12, Pollando.*

„FOIRO DE BARCELONO" plenumas sian 50-an Datrevenon.

Krom la Oficialajn afiŝojn en Esperanto, ĉi jare oni eldonos broŝuron kun esperanta teksto. Hispana Esperanto-Instituto petas ĉiun, kiuj ricevos la afiŝojn, bonvolu tuj skribi al la Foiro dankante pro la sendo; kompense ili ricevos la „jubilean broŝuron".

### ELDONISTO EL GFR — LAŬREATO DE LA KONKURSO DE LA POLA RADIO

Sinjoro Ludwig Pickel — eldonisto el Nürnmbergo en Germana Federacia Respubliko gajnis unu el la ĉefpremioj en la lasta Konkurso de la Pola Radio, organizita lige kun la 25-jara datreveno de la venko super hitlerismo.

Sinjoro Pickel, kiu estas aktiva funkciulo de la Germana Esperanto-Asocio kaj gvidas ties eldonan fakon, lotumis la senpagan vojaĝon kaj restadon en Pollando. Li pasigos 10 tagojn tie en septembro de la nuna jaro kaj partoprenos en la ekskurso de la laŭreatoj de la Konkurso tra la plej vizitindaj urboj kaj regionoj de Pollando.

Valoras mencii, ke en la Konkurso, kies demandoj koncernis la decidojn de la Potsdama Konferenco kaj pacajn iniciatojn de Pollando en la internacia forumo, partoprenis pli ol 20 mil eksterlandaj geaŭskultantoj de la Pola Radio, kaj en tiu ĉi nombro 700 esperantistoj. La ĉefpremion gajnis 15 personoj el Ĉeĥoslovakio, Danlando, GFR, Italujo, Francujo, GDR, Svedujo kaj USSR.

## ESTRARO DE TEĴA

Prezidanto — Olav Thormodsen, P. O. Box 59, Haugesund, Norvegio.

Vicprezidantoj — Niilo Kavenius, Taskulantie, I, H139, Turku 9, Finnlando; N. F. Danovskij, Centralnij telegraf. Do vostrebovania., Moskva k-9, USSR.

Ĝenerala Sekretario kaj Redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" — Ivan Keremidĉiev-Esperov, bul. „Hristo Botev" 98, Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04.

Estraranoj: s-ino Karen Salmose, Dalgatan 3A, Marsta, Stokholm, Svedio; Imre Szenes, Rakoczi ut 54, Budapest VII, Hungario; Jerzi Uspienski, Anielewicza 2 m 32, Warszawa, I, Pollando; s-ino Zlata Flego, Zagreb, Jugoslavio kaj I. Jepsen, Danlando. (La lastaj du adresoj neplenaj).

KOMITATANOJ DE T. E. Ĵ. A.

Rumanio, Stefan Freamat, str. Gabriel Peri 4, Bucureşti.
Israel — Oskar Berman. rehov Tarna 49, P. K. 30, Hedera.
Vjetnamio — Dau—Anh Kna, No Quoctenou Rv Vietnam, Hanoi (via URSS).
Ĉinio — Shi Si-wei, Ĵurnalista fako — Pekina Universitato, Peking.

REPREZENTANTOJ DE T. E. Ĵ. A.

Germanio (GFR) — Maria Vogel, Kniebestrasse 31, Stuttgart
Japanio — Kyosuke Yukimara, 851, Shinobe Befu Kr kogawa.
Brazilo — Sylla Chaves, Rua Bona Mariana, 97, apart. 805, Botafogo, Rio de Janejro.
Aŭstrio — Alois Hilkersberger, Lotzweg 15, Landeck, Tirol.
Francio — Jean Dalet, 79-bis Rue du Chateau, Asnieras, (Seine).
USONO (U. S. A.) — Conrad Fisher, Secretary, R.F.F.I. Cavlin Street, Meadville, Penzylvania 16335.
Aŭstralio—Iréne Eink, F. C. Box, Mount Waverlev, Victoria.

La estraranoj de TEĴA estas membroj de la Centra Estraro. Ili estas elektataj en ĝenerala fakkunveno.

Komitatanoj estas en tiuj landoj, kie ekzistas pli ol 5 asociaj membroj. Ili estas elektataj de la landaj membroj aŭ nomataj de la Estraro kaj havas rajton prizorgi la aferojn de TEĴA en sia lando kaj se necese voĉdoni kiel konsilantoj de la Estraro pri gravaj demandoj.

La reprezentantoj reprezentas la asocion en sia lando, kie estas malpli ol 5 membroj.

Ĉiuj estraranoj kaj reprezentantoj laboras por aligo de novaj TEĴA-membroj, por plenumo de la decidoj de la ĝenerala kunveno kaj de la instrukcioj de la Estraro. Ĉiuj ili kolektas la membro-kaj abonkotizojn en sia lando (ankaŭ en najbaraj landoj) kaj konservas la monsumojn ĉe si ĝis kiam aperas ebleco transdoni ilin (laŭ peto de la Sekretario) al la redakcio de „Int. Ĵ-sto".

La membrokotizo (kaj la abonkotizo) de „Internacia Ĵurnalisto" jam estas 1,20 usonaj dolaroj aŭ egalvaloro pro senvalorigo de la mono en Okcidento.

**Ĉiuj membroj de T.E.Ĵ.A. estas petataj tuj sendi sian membro-aŭ abonkotizon por la pasintaj kaj por la nuna 1970 jaro al la komitatanoj, al la reprezentantoj de T.E.Ĵ.A. aŭ rekte al la redaktoro de „Inrernacia Ĵurnalisto" !**

**Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hristo Botev 98**
**Sofio 2, Bulgario, tel. 83-34-04**
**Redaktoroj: M. Conkovski kaj R. Konstantinova**